# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
11-a jaro N-ro 4 (43) decembro 2012




**Kovrilfoto: Hans Fechler**

NOVAĴO

**Decido de UEA farita por la projekto**

Baze de la subkomitataj rekomendoj kaj diskuto la Komitato de UEA en Hanojo 2012 faris serion da decidoj, interalie instigi la LA-ojn trovi respondeculojn pri kunlaboro kun respondeculo pri la projekto Ĝemelaj Urboj. Tio estas frukto de la kunagado de la esperantistoj, kiuj longe subtenas kaj partoprenas agadon de ĝemelaj urboj. Tio estas grava decido kaj granda subteno de UEA al la projekto. Ĉi tie mi, kiel la komisiito, esprimas koran dankon al la komitatanoj.

Tiu decido venis el pridiskuto kaj rekomendo de la kunsido de la subkomitato pri landa kaj regiona agado okazis marde, la 31-an de julio 2012, kun 21 ĉeestintoj, kiun prezidis s-ro Jérémie Sabiyumva el Burundo, kiel respondeculo de la subkomitato.

Wu Guojiang

**Divja serie raportis pri kunlaboro de esperantistoj inter ĝemelaj urboj**

Divja estas la plej populara gazeto de Tiĥvina region de Rusio, ĝia eldonkvanto atingas 4400 ekzemplerojn. En 2012 ĝi serie raportis pri Esperanto-apliko en kunlaboroj inter ĝemelaj urboj. En la 23-a de aŭgusto ĝi aperigis intervjuon kun s-ro Mikaelo Bronŝtejn okaze de la 40-jariĝo de Esperanto en Tiĥvino kaj menciis: Tiĥvin ĝemeliĝis kun Imatra en Finnlando kaj poste kun Herouville Saint Claire en Francio. La urba Esperanto-klubo estis la unua socia organizaĵo, kiu establis firmajn ligojn kun la ĝemelurbanoj parolantaj Esperanton. Pere de esperantistoj okazas ankaŭ la agoj, praktike valoraj por la urbo. Estas multaj ekzemploj, ekzemple en 1992, kiam la urbo kaj la tuta lando havis ege malfacilan vivon, grupo da esperantistoj el Herouville Saint Claire venis al la urbo ne nur por amikiĝo kaj distro, sed ankaŭ kun kelkaj taskoj de la urbodomo. La lokaj esperantistoj venigis la francojn en la vartejon por handikapitaj infanoj, kaj rezulte de tiea traktado la vartejo poste ricevis donace kelkajn specialajn veturilojn por infanoj-handikapitoj. La francoj vizitis la legomproduktejon kaj mezurigis ĉiujn dimensiojn de tieaj forcejoj. La urbodomo de Herouville Saint Clair poste, uzante la rezultojn de tiu mezurigo, ofertis al la produktejo fortigitan plaston por kovri la forcejojn. La oferto estis tute senpaga, kondiĉe ke la loĝantoj de Tihvin ricevu kukumojn kaj tomatojn de la produktejo kontraŭ malpli alta prezo. Ĝia rusa versio estas legeble ĉe la paĝo: http://tikhvin.spb.ru/14387/14419


http://tikhvin.spb.ru/14387/14419/

Цалевич гость нашей газеты.

В сентябре 1972 года в средней школе №5 группа старшеклассников приступила к факультативному изучению необычного предмета – международного вспомогательного языка эсперанто. Инициатором и первым преподавателем стал Михаил Бронштейн, молодой инженер завода «Центролит». Сегодня Михаил Цалевич гость нашей газеты.

– Михаил Цалевич, в июле по всем информационным каналам прошло сообщение о юбилее языка эсперанто – исполнилось 125 лет со дня выхода первого учебника. А в Тихвине об этом языке узнали только в семьдесят втором. Не слишком ли долго эсперанто добирался до нашего города?

– На самом деле, не я первым открыл городу эсперанто, это уже вторая волна. Николай Николаевич Зверев, который много лет был активным членом городского клуба эсперанто (и почетным гражданином Тихвина), вспоминал, что в двадцатые годы школьникам преподавал эсперанто революционный матрос в бескозырке с ленточками. Потом были годы репрессий, когда преследовали любого, кто имел связь с заграницей, была война. Сам я изучал эсперанто 12-летним пацаном. Преподавал нам, мальчишкам, герой-разведчик Андрей Борисович Рогов. В студенческие годы я уже сам вел в институте курсы эсперанто, а распределившись на завод «Центролит» с дипломом инженера-электрика, обнаружил в Тихвине сразу двух человек, владеющих языком: Николая Николаевича Зверева и Владимира Гакаленко, инженера на том же «Центролите».

– А почему преподавание эсперанто началось именно в пятой школе?

– Банально – по месту жительства. Мы с женой, оба молодые специалисты, направленные на «Центролит», очень скоро получили от завода однокомнатную квартиру в первом микрорайоне, по соседству с пятой школой. Вот я и направился туда с предложением о курсах языка эсперанто. Тогдашний завуч Надежда Григорьевна Мигур сказала: «Я соберу вам после уроков восьмые-девятые классы. Расскажите им об эсперанто. Если загорятся – будете преподавать». Так и сделали, а после моего рассказа желающих набралось более чем. Заинтересовались и

La 1-an de novembro la gazeto plue publikigis raporton pri alia kunlaboro: en septembro Gigi kaj Gerard Senecal, Yves Nicolas, membroj el la Esperanto-Asocio de Herouville Saint Clair, kaj Emmanuel Villalta el Parizo, plenumis la francan tradukon de la Esperantolingva novelaro "Leciono por knabo" verkita de s-ro Mikaelo Bronŝtejn, kaj laŭ interkonsento en

januaro 2013 okazos prezentado de la libro kun partopreno de la aŭtoro en Herouville kaj en kelkaj aliaj urboj de Francio.

Laŭ raporto de Mikaelo Bronŝtejn

**Subteno de UEA estas forta kaj kontinua**

En la pasintaj 10 jaroj UEA ĉiam subtenas la projekton "Ĝemelaj Urboj", el la suba listo oni nemalfacile trovas, ke tiu subteno estas forta kaj kontinua. El tio nia UEA estas elstara je kunordigo kaj organizado. Tio grandege kuraĝigas la projekton kaj ĝiajn partoprenantojn kaj praktikantojn. Mi ankaŭ profunde spertas kaj sentas plezuron labori por Esperanto.

La komisiito

Registro pri subteno de UEA al la projekto

| Jaro | Enhavo |
|---|---|
| 2002 | ①UEA serĉis kaj decidis la komisiiton pri la projekto;<br>②Pro laboro de s-ino Michela Lipari, tiama estraranino de UEA, raporto pri ĝemelaj urboj aperis en kongresaj dokumentoj de la 87-a UK en Fortaleza, Brazilo. |
| 2003 | ①La projekto estis unue menciita en la estrara raporto de UEA por 2002;<br>②La projekto fariĝis unu el diskutotemoj dum la 88-a UK en Göteborg, Svedio.<br>③Pro konsidero de s-ro Trevor Steele, tiama ĝenerala direktoro, la Centra Oficejo sendis leterpaperojn kaj kovertojn titolitajn "UEA" por faciligi laboron de la komisiito. |
| 2004 | ①La projekto estis enskribita en la laborplanon de UEA por 2003-2005, t.e. UEA subtenu la utiligon de Esperanto fare de lokaj Esperanto-kluboj en pluraj manieroj kaj tute aparte serve al la sistemo de rilatoj inter ĝemelaj urboj;<br>②UEA akceptis proponon: aranĝi Kunvenon de Ĝemelaj Urboj kiel unu el la programeroj de UK, ĝia 1-a kunveno sukcese okazis dum la 89-a UK en Beijing, Ĉinio. Poste ĝin prezidis s-ino Michela Lipari, s-ino Maritza Gutiérrez kaj s-ro Hori Yasuo krom la komisiito. |
| 2005 | En la komenco de la jaro 2005 s-ro Renato Corsetti, tiama prezidanto, sendis nur al la grupanoj de la listo lokaj-esperanto-grupoj@yahoogroups.com novjaran gratulmesaĝon, kiu speciale menciis kaj akcentis la agadon de ĝemelaj urboj. |
| 2006 | La junia numero de Esperanto publikigis Publikan Leteron al Urbestroj |
| 2007 | La projekto "Ĝemelaj Urboj" estis unuafoje resumita per klara temo en Estrara Raporto de UEA por 2006, kiu aperis en n-ro 6 Esperanto en 2007 |
| 2008 | Pro aktiva konsidero de s-ro Osmo Buller la Centra Oficejo decidis sendi paperajn ekzemplerojn al tiuj, kiuj ne povas legi Informilon de Ĝemelaj Urboj en reto. |
| 2009 | S-ro Probal Dasgupta konsideris ĝin kiel enhavon en la nova laborplano de UEA 2011-2020. |
| 2010 | La Strategia Laborplano de UEA 2011-2020 havas specialan mencion: La centra UEA, por subteni la utiligadon de Esperanto fare de lokaj Esperanto-kluboj por interlokaj kontaktoj, kuraĝigu preleg-vojaĝojn kaj pli seriozan uzadon de ekzistantaj institucioj kiel la rilatoj inter ĝemelaj urboj kaj aliaj oficialaj aranĝoj de translima kunlaborado. |
| 2011 | S-ino Maritza Gutiérrez speciale menciis la 8-a Kunvenon de Ĝemelaj Urboj en sia raporto pri la 96-a UK |
| 2012 | ①Jarlibro 2012 havas tekston pri la projekto;<br>②En la aprila numero de Esperanto aperis artikolo de la komisiito "La projekto Ĝemelaj Urboj 10- jariĝis";<br>③En la junia numero de Esperanto agado de ĝemelurboj estis unuafoje resumita kiel aparta sekcio de la estrara raporto por 2011;<br>④N-ro 451 Gazetaraj Komunikoj kun la ĉefa enhavo "Ĝemelurba agado de UEA 10-jariĝis" dissendiĝis al la membroj;<br>⑤la Komitato de UEA dum la 97-a UK en Hanojo faris decidon: instigi la LA-ojn trovi respondeculojn pri kunlaboro kun respondeculo pri la projekto Ĝemelaj Urboj. |

**Kondolenco al Aleksandr Titaev**



S-ro Aleksandr Titaev, membro kaj delegito de UEA, la plej fervora aktivulo de la E-movado en la Fora Oriento de Rusio, prezidanto de la Vladivostoka E-klubo "Pacifiko" kaj forta subtenanto de la projekto Ĝemelaj Urboj, forpasis pro longa malsano en la 14-a de oktobro 2012 en aĝo 61.

La Esperanto-movado en la regiono Fora Oriento komenciĝis en 1891, kaj ekzistas pli ol 110 jarojn en Vladivostoko. Interalie Aleksandr Titaev gvidis la klubon dum 30 jaroj. Oni povas diri ke li ludis gravan rolon por reaktivigi kaj stabiligi la movadon en tiu regiono, precipe dum la plej malfacila periodo. Ĝis nun la artikolo "Historiaj paĝoj de Esperanto-movado en la Fora Oriento" verkita de li (Vidu n-ron 4 Rusia Esperantista Gazeto, 2001) estas tre grava dokumento por studi la movadon en tiu regiono kaj en Azio.

Mi ne memoras la konkretan daton konatiĝi kun li, sed bone scias ke ni interŝanĝis pli ol 10 jarojn. Antaŭ fondo de la projekto s-ro Aleksandr Titaev ĉiam taksis aplikon de Esperanto en agado de ĝemelaj urboj kaj tre aktive praktikis tion. En la 17-a de oktobro 1998 li subskribis interkonsenton "Ĝemeliĝo" kun Hakodate Esperanto-Rondo en Japanio. La interkonsento estis tiel skribita: "Ni estas ĝemelurbanoj de urbo Hakodate en Japanio kaj urbo Vladivostoko en Rusio. Ni agados per Esperanto por pli da amikiĝo kaj kompreno inter la du urbanaroj. Ni konsentas, ke Hakodate Esperanto-Rondo kaj Vladivostoka Esperanto –Klubo "Pacifiko" ĝemeliĝas kaj kunlaboros realigi nian komunan celon." Li estas unu el la plej fruaj personoj, kiuj reagis al la projekto, kaj esprimis deziron fondi ĝemelan rilaton kun Dalian Esperanto-Asocio en Ĉinio, kaj speciale gratulis la projekton pro sia 10-jariĝo.

S-ro Aleksandr Titaev havas fortan organizan kapablon en la movado. En 1992 li organizis la Internacian Vladivostok- Simpozion "Pacifiko. Lingvo. Kulturo. Kunlaboro" kun partopreno de Esperantistoj el Japanio, Ĉinio kaj Koreio. Tiujare grupo de la Vladivostokaj esperantistoj partoprenis la 5-an Pacifikan Esperanto-Kongreson en Qingdao en Ĉinio. Kelkaj membroj de la Esperanto-klubo "Pacifiko" partoprenis la 85-an Japanan kaj 62-an, 64-an Hokajdajn Esperanto-kongresojn en 1998 kaj 2000. Li plurfoje vizitis Koreion, kaj gvidis delegacion ĉeesti al la E-aranĝoj de la Nordorienta Ĉinio. Dank'al lia penado la movado en Fora Oriento revigliĝas post longa interrompo. Diro de s-ro Lee Jung-kee, eksa prezidanto de KAEM, devas esti la plej bona takso al li. Li diris, ke kiel Esperanto-gvidanto li estis tre sincera kaj simpatia kiel tipa esperantista figuro.

La forpaso de Aleksandr Titaev estas perdo por la movado en la Fora Oriento kaj la tuta Rusio, ankaŭ perdo por la monda Esperanto-movado kaj la projekto Ĝemelaj Urboj. Kiel diris Probal Dasgupta, prezidanto de UEA, la laborado por ĝemelaj urboj suferis do gravan baton.

Aleksandr Titaev apartenas al la mondo. Lia forpaso vekis atenton de la Esperantujo. Jairo Augusto dos Santos el Brazilo, Drissa Flayoro Diakite el Malio, Monshetnhy Wadana el Kongo, Gilbert Ndihokubwayo el Burundo, Nikolao Gudskov kaj Mikaelo Chertilov el Rusio kaj kelkaj samideanoj el Ĉinio esprimas kondolencojn al li kaj liaj familianoj, samtempe

komunan deziron: la klubo “Pacifiko” sekvu vojon, kiun direktis Aleksandr kaj troviĝos en Vladivostoko plua stafeto de lia kaj nia komuna afero.

S-ro Aleksandr Titaev vivos en koroj de esperantistoj kaj eterne

La komisiito

**Forpasis Li Shijun**



En la 10-a de novembro 2012, sabato, je la 7:00 s-ro Li Shijun, ĉina fama Esperanta tradukisto kaj verkisto, forpasis pro malsano en Pekino.

Li Shijun (la Esperanta nomo: Laŭlum），naskiĝis en la 29-a de marto 1923. Li eklernis Esperanton en 1939. Li estis eksa vicĉefredaktoro de El Popola Ĉinio kaj membro de la Akademio de Esperanto, membro de la Akademio de Esperanto (1983-2010), honora membro de UEA (2004) kaj ILEI(2012). Li esperantigis multajn ĉinajn famajn klasikajn romanojn kaj novelojn, ekz. Ĉe akvorando, Pilgrimo al la okcidento, Romanoj pri la tri regnoj, Mirrakontoj de Liaozhai kaj tiel plu. Liaj kelkaj tradukaĵoj enlistiĝis en la Serio Oriento-Okcidento de UEA. Danke al tio li ricevis la premion Grabowski de UEA en 2003 kaj la premion de la Dumviva Honora Premio pri Tradukado de la Ĉina Tradukista Asocio en 2010, la plej alta premio de la ĉina traduka rondo, kaj la premion de ĈEL pro la dumviva kontribuo de la Ĉina Esperanto-movado en 2011.

Li subtenis la projekton Ĝemelaj Urboj, kaj speciale verkis artikolon por Informilo de Ĝemelaj Urboj, vidu n-ron 36 en 2011.

Lia forpaso ne nur estas granda perdo de la Ĉina Esperanto-movado, sed granda perdo de la Monda Esperanto-movado. Tamen mi pensas, ankaŭ kiel diris s-ino Li Meixi, filino de Li Shijun, en sia mesaĝo al mi, ke tio estas la plej bona memoro al s-ro Li Shijun se ni kune kontribuas al disvolviĝo de la Esperanto-afero kiel eble plej kapable.

Eternan pacon, s-ro Li Shijun.

La komisiito

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

**Urbestro de la Esperanto-urbo parolis en la 64-a IFEK**




Antaŭtagmeze de la 20-a de majo 2012, la 64-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso inaŭguriĝis en Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo. Pli ol 150 esperantistoj el 21 landoj tie renkontiĝis kun ĝojo por kune diskuti pri la internacia fervojista E-movado.

S-ro urbestro Walter Gerhard faris paroladon en la lingvoj germana kaj Esperanta. Li diris, ke danke al s-ro Joachim Giessner, antaŭa prezidanto de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj, la urbo Herzberg am Harz povis esti nomita Esperanto-urbo. Al

Esperanto ŝuldas la urbo Herzberg am Harz sian hodiaŭan prosperon. Li kore dankis al la federacio pro ĝia decido okazigi la 64-an Internacian Fervojistan Esperanto-Kongreson en la urbo Herzberg am Harz. La tuta kongreso varme aplaŭdis por la urbestro pro lia bela parolado en Esperanto.

S-ino Rodica Todor, prezidanto de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj, diris en sia salutparolo al la kongreso, ke la ĉi-foja Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso okazis en la urbo Herzberg am Harz -- la unua Esperanto-urbo en la mondo, tio portis gravan signifon. S-ro urbestro Walter Gerhard de Herzberg am Harz mem scipovas paroli en Esperanto, kaj ludas pozitivan rolon en la organiza laboro por la ĉi-foja kongreso.



La ĉi-foja kongreso estis enhavoriĉa, interalie indas mencii, ke post la inaŭguro de la kongreso, la partoprenantoj kune fotiĝis, kaj faris rondiradon por paradi fervojistajn uniformojn de diversaj landoj. La Esperanta flago iris en la fronto, sekvis la militista orkestro kaj diverslandaj kongresanoj kun sia nacia flago en la vico laŭ la alfabeta ordo de Esperanto. Tion aplaŭdis kaj hurais loĝantoj ambaŭflanke de la strato.

En la kongreso estis anoncitaj la gastigantoj de la venontaj kongresoj: la 65-a IFEK en Francio en 2013, la 66-a IFEK en 2014 en Hispanio kaj la 67-a IFEK en 2015 en Ĉinio.

El raporto de Han Zhuwu

**La vic-urbestro de Bjalistoko gastigis min**

Okaze de la 125-jariĝo de Esperanto kaj por omaĝi la Esperanto-patrujon mi prelegvojaĝis en majo de 2012 tra la pollandaj urboj: Gdańsk, Sopot, Gdynia, Varsovio, Vroclavo, Bjalistoko, Lodzo kaj Lublino, interalie la vic-urbestro de Bjalistoko, Alexander Sosna, forta apoganto de la Esperanto-movado invitis min al la tagmanĝo en Kafejo Esperanto, kaj partoprenis mian prelegon en la sidejo de Bjalistoka Esperanto-Centro.

Etsuo Miyoshi el Japanio

**Urbestrojn forte allogas la kongreso de kroataj esperantistoj**



Inter la 22-a kaj 24-a de junio okazis en Koprivnica la 10-a (jubilea) kongreso de kroataj esperantistoj (KKE). Aliĝis ĉirkaŭ 180 personoj, sed efektive partoprenis 140 kongresanoj el 14 landoj (Aŭstralio, Bosnio kaj Hercegovino, Brazilo, Bulgario, Ĉehio, Hungario, Italio, Kanado, Kubo, Nov-Zelando, Pollando, Rumanio, Serbio kaj Slovenio). Per tio la aranĝo ricevis rimarkinde internacian noton. Aŭspiciis ĝin la Urbo Koprivnica kaj Departemento Koprivnica-Križevci, kaj persone ĉeestis ĝin Ivan Pal, anstataŭanto de la departementestro kaj Helena Hećimović, la konsilistino de la urbestrino s-ino Vesna

Želježnjak.

Koprivnica kaj Kaposvár (Hungario) estas ĝemelaj urboj. S-ro Károly Szita, urbestro de Kaposvár, esprimis specialan gratulon al s-ino Vesna Želježnjak per la Esperantolingva letero (vidu sube). S-ro Béla Apáti Kovács, kiel sendito de s-ro Károly Szita, alportis la leteron por la urbestrino kaj voĉlegis ĝin ĉe la inaŭgura ceremonio de la kongreso( vidu maldekstran foton). Krome ankaŭ indas mencii ke en la urbodomo de Kaposvár laboras kelkaj esperantistoj.



Oni ne forgesis la urbon Bjelovar, kongresejo de la 9-a KKE. Ĝia urbestro s-ro Antun Korušec, kiel kongresano n-ro 1, subskribis aliĝilon. Post ĉi-jara kongreso li akceptis en oficiala vizito la geesperantistojn Aparecida kaj Gilberto Menegasso el São Carlos en Brazilo(vidu dekstran foton) okaze de ilia prelego “Brazilo - koninda lando” okazinta en la 26-a de junio en Bjelovar.

Josip Pleadin

**Letero de urbestro de Kaposvár al urbestrino de Koprivnica**










Estimata Sinjorino Urbestrino,

Kiel la urbestro de Kaposvár, hungara ĝemelurbo de Koprivnica, respekte mi salutas Vin, la reprezentantojn de la kroataj esperantistoj, partoprenantoj, invititaj gastoj kunvenintajn al la 10-a Kongreso de Kroataj Esperantistoj.

Ĝoje mi informiĝis, ke en nia kroata ĝemelurbo de Koprivnica estos aranĝata la jubilea kongreso inter la 22-24a de junio en 2012, kien estas invititaj ankaŭ esperantistoj el Kaposvár, gvidate de Béla Kovács.

Nova elemento de la ĝemelurbaj kontaktoj inter Koprivnica kaj Kaposvár inter esperantistoj de la ĝemelurboj, kiuj plu riĉigas la amikecon inter niaj urboj helpe de Esperanto, kiu estas sendependa de nacioj, por ĉiuj certigas egalrajtan lingvouzon kaj ĝi estas altetaksita en la tuta mondo.

Ĝia populareco ĝis nun estas kontinua, de jaro al jaro multaj homoj komencas lerni ĝin kaj faras lingvoekzamenon pri Esperanto, laŭmerite oni povas diri, ke ĝi funkcias kiel ponto kaj ligilo inter landoj kaj popoloj.

Al la laboro de la jubilea kongreso, ĉi-okaze mi deziras multe da sukcesoj kaj rezultan konferencon.

Kaposvár, la 11-an de junio 2012

Károly Szita, urbestro de Kaposvár

**La urbestro de Wagrowiec ĉeestis al la jubileo de la 125 jaroj de Esperanto**

Dum la 3-a Grandpolia Esperanto-Somero (GES) en Wągrowiec (PL), plej gravaj eventoj ligitaj kun oficiala celebrado de la Jubileo okazis 2-an de julio 2012.Urbestro de Wągrowiec mag. inĝ. Stanisław Wilczyński kun akompano de Franciszek Witucki, EDE-PL-prezidanto kaj kun Stanisław Rynduch – sekretario de Eŭropa EDE-Federacio, kune malkovris memoran ŝtonegon kun alkroĉita informa tabulo, financita de Stanisław Rynduch okaze de la Jubileo de 125 jaroj de Esperanto (la unua ZEO en Wągrowiec),interalie, la urbestro esprimis kontenton pro la ekorganizo de la sekva GES-o, samtempe bonveninte kaj salutinte la partoprenantojn.

El Eŭropa Bulteno, 2012, N-ro 118

**La urbestrino malfermis la 9-an Kongreson de EEU**



La 9a kongreso de la Eŭropa Esperanto-Unio (EEU) kun la temo: "Lingvolernado en Eŭropo: lerni pli, kosti malpli" okazis inter la 16-a kaj 20-a de julio 2012 en la irlanda urbo Galivo (angle: Galway; irlande: Gaillimh) kun 157 partoprenantoj el 28 landoj, de Ruslando ĝis Kubo. Malfermis la kongreson la urbestrino de Galivo, Terry O'Flaherty. kaj iama urba konsilistino kiu aranĝis la inviton al Galivo por EEU, Mary Leahy.

La prezidanto de Irlando, Michael D. Higgins, kiel la patrono de la kongreso sendis tre pozitivan kaj kuraĝigan mesaĝon pri Esperanto. Li menciis, ke Esperanton studis la fondinto de la irlanda laborista partio, James Connolly, poste mortpafita kiel unu el la ĉefoj de la ribelo de 1916. Ankaŭ la irlanda ministrino pri Eŭropaj aferoj, Lucinda Creighton, sendis gravan mesaĝon, en kiu ĉiu vorto gravas. Ambaŭ substrekis ke "Esperanto apartenas al la komuna Eŭropa kultura heredaĵo".

Prelegis gravaj fakuloj-esperantistoj kiel Wim Jansen, Renato Corsetti, Angela Tellier, Michele Gazzola, Nikola Rašić, Zlatko Tišljar, Jozef Reinvart, Tim Morley, Paul Gubbins k. a. (sur la foto: de dekstre la urbestrino Terry O'Flaherty, la prezidanto de EEU Seán Ó Riain, iama konsilistino Mary Leahy)

El la Ondo de Esperanto, 2012, N-ro 8–9



**La urbestro de Mazaradelvalo havas deziron**

La 79-a Itala Kongreso de Esperanto okazis en Mazaradelvalo (Mazara del Vallo) inter la 17-a kaj la 25-a de aŭgusto 2012, kun la temo "Sed homoj kun homoj: la pluretna intuicio de Zamenhof" kaj 340 aliĝintoj el 34 landoj. La urbestro s-ro Nicoló Cristaldi partoprenis en ĝi kune kun 328 homoj el 34 landoj.

Ekde la unuaj kontaktoj la Kongresa komitato trovis ĉe tiu ĉi urbestro ne

nur grandan kunlaboremon, sed ankaŭ entuziasman aliĝon al esperantismaj idealoj, kiuj bone kongruas kun la karaterizaĵoj de urbo de pluretna kaj plurkultura, gastigema kaj malferma. Li havas deziron: Mazaradelvalo iĝu simbol-urbo de Esperanto.

El Eŭropa Bulteno, 2012, N-ro 119

**Urbestrino ĉeestis al la 20-a E-Semajno**



Inter la 1-a kaj 7-a de oktobro la 20-a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo okazis en la ĉemara urbo Cambrils en Hispanio, kun 144 partoprenintoj el 13 landoj. S-ino Merçe Dalmau, urbestrino de la urbo, kaj aliaj du membroj de la urbestraroj ĉeestis al la dimanĉa inaŭguro kaj bonvenigis la partoprenantojn. S-ino Barbara Pietrzak el Pollando, ĝenerala sekretario de UEA, en nomo de la Asocio salutis la sejmanon.

El Eŭropa Bulteno, 2012, N-ro 121

**Urbestroj de Bjalistoko kaj Mazaradelvalo subskribis deklaracion**

En Bjalistoko, en sabato en la 8-a de decembro 2012, laŭ propono de Fondumo Zamenhof, renkontiĝis la urbestroj de Urbo Bjalistoko, Tadeusz Truskolaski, kaj de Urbo Mazaradelvalo, Nicolò Cristaldi, kiuj subskibis Deklaracion pri kunlaboro, kiel urboj kiuj interesiĝas pri la ideo de la lingvo Esperanto, malfermante la kunlaboron ankaŭ al aliaj urboj kiuj volos en posta momento aldoniĝi al tiu protokolo.

Jen la teksto de la Deklaro:

*Deklaracio*

Rigardante la riĉan pasintecon kaj tradiciojn de la Urboj – Flankoj de jena deklaracio, ligitaj kun la lingvo kaj la ideo de Esperanto, aprezante ĝisnunajn klopodojn por disvastigi la lingvon Esperanto kaj scion pri la figuro de ĝia kreinto, Ludoviko Zamenhof, La flankoj esprimas volon ekagi por kunlabori pri interesigado pri la ideo de la lingvo Esperanto kaj pri formado de historia imagpovo kaj popularigado de la urbanoj aktive konstruantaj sian kulturan identon.

Intenco de la flankoj estas kunlaboro pri popularigado de edukaj, artaj kaj kulturaj eventoj, servantaj al realigado de la supre menciitaj celoj.

La flankoj interkonsentas, ke jena deklaracio havas karakteron iniciatantan kunlaboron kaj ne kaŭzas iujn ajn jurajn aŭ financajn devontigojn.

Urboprezidanto de la Urbo Bjalistoko

Urbestro de la Urbo Mazara del Vallo

Dum la renkontiĝo, la du urbestroj jam interkonsentis pri plua paŝo, nome pri reciproko de la vizito la 10an de septembro 2012, kiam Truskolaski vizitos Mazaradelvalon, kaj tie malfermos straton de la historia urbocentro dediĉita al Bjalistoko.

Per postaj konsentoj inter la delegacioj ankaŭ estis planitaj vizito de lerneja ĥoro de Bjalistoko al Mazaradelvalo plej verŝajne en aprilo 2013, kaj interŝanĝa vizito de lerneja ĥoro de Mazaradelvalo al Bjalistoko, kaj plue ekspozicio de produktoj de Mazaradelvalo en Bjalistoko kaj reciproke, kaj ke la fajencojn kiuj ornamos la vojon Bjalistoko en Mazaradelvalo desegnu aŭ produktu la arta liceo de Supraśl, urbo apud Bjalistoko, liceo en kiu oni jam instruis kaj instruas Esperanton.

Ĉiuj tiuj agadoj estos farataj ankaŭ kun la kunlaboro de la Bjalistoka Esperanto-Societo kaj de la Centro de Esperanto kaj Interkulturo, kaj sekve plejparte pere de Esperanto.

Bruĉjo Kasini
prezidanto de Fondumo Zamenhof, Bjalistoko
direktoro de Centro de Esperanto kaj Interkulturo, Mazaradelvalo

**Gratulo el Gerhard Walter al la deklaracio**

Okaze de la interkonsento pri kunlaboro kun urbestro de Mazaradelvalo. La leteron Gerhard Walter, urbestro de Herzberg am Harz， sendis al la urbestro de Bjalistoko por saluti lin.

Kiel urbestro de Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo mi kore salutas ĉiujn, kiuj esprimas sian subtenon al la internacia lingvo Esperanto kaj interesiĝas pri kunlaboro per tiu lingvo.

Jam la plurjara sukcesa ĝemelurba kunlaboro inter Herzberg am Harz en Germanio kaj Góra en Pollando montris, ke eblas havi bonajn rezultojn el tiaj kunagadoj per Esperanto.

Dezirante pluajn sukcesojn, salutante vin ankaŭ okaze de la Zamenhof-tago, la 15a de decembro, alvokante al bela festado speciale pro la 125-jara jubileo de Esperanto,
kun multaj salutoj,

Gerhard Walter
Bürgermeister / urbestro
Stadt Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo

## URBA STILO KAJ TRAJTO

**Al ĉiuj esperantistoj en la ĝemelaj urboj de Kassel**

Arnstadt (Germanio), Berlin-Mitte (Germanio), Florenco (Italio), Izmit (Turkio), Jaroslawl (Rusio), Mulhouse (Francio), Ramat-Gan (Israelo), Rovaniemi (Finnlando) kaj Västeras (Svedio).



Karaj samideanoj,

Ni informas vin pri la projekto “1100-jariĝo de Kasssel” kaj “PONTO KASSEL” Interbulteno de la Esperantistoj de Kassel kaj de ties Ĝemelaj Urboj.

Antaŭ kelkaj monatoj ni jam kontaktis vin koncerne projekton okaze de la 1100-jariĝo de nia hejmurbo Kasssel, oficiale “urbo de artoj kaj kongresoj”, en la jaro 2013. Ĉi projekto kombinu la lokan kaj globalan aspektojn de nia vivejo Harleshausen, kiu estas kvartalo de Kassel. Ĝi estas organizata kadre de la Kulturiniciativo Harleshausen (kih), kulturorganizaĵo kun propra sidejo, kie kunvenas ankaŭ esperantistoj de nia urbo. Ni ĉiuj tre ĝojus, se el ĉiu ĝemela urbo de Kassel venos esperantistaj reprezentantoj, kaj jam nun ni elkore bonvenigas niajn samideanojn.

La centra ideo de la projekto estas “Kvartalumado”, en kiu la partoprenantaj esperantistoj prezentu la situacion kaj vivon en la kvartalo de la urbo, en kiu ili mem loĝas. Ĉi-cele mi aneksas demandilon, laŭ kiu ni povas debati pri la diversaj aspektoj en niaj respektivaj senperaj ĉirkaŭoj. Ĉi demandilo estu tieldire gvidilo.

Ĉi centra evento okazos Sabaton, la 02-an de marto 2013, en la sidejo de la Kulturiniciativo Harleshausen (kih) en 34128 Kassel, Wolfhager Strasse 409.

Krom tio ni ja pretas organizi restadon por interesatoj el la ĝemelaj urboj dum la tempo inter la 18-a de Februaro kaj la 03-a de Marto, kiu estas la semajno, dum kiu la kvartalo Harleshausen sin prezentas al la resto de la urbo Kassel kaj la cetera mondo. En la semajno 25.02. - 03.03.2013 ni pretas organizi rondveturadon-viziton al la urbo Kassel kaj ties vidindaĵoj. Estas ankaŭ planata vizito al la urbo Herzberg, la “Esperanta Urbo”, pr. cent kilometrojn norde de Kassel en la Harz-montaro. Ĉi urbo estas urbo, en kiu ekz. strato- kaj konstruaĵo-nomoj estas skribataj en la Germana kaj Esperanto, en kiu troviĝas granda Esperanto-Centro kaj eta centro de la Internacia Naturkuraca Asocio.

La urbo Kassel ne donas subvenciojn por partoprenontoj de tiaj aranĝoj, do ĉiu interesata esperantisto devas mem pagi la kostojn de sia vojaĝo kaj restado.

Do, se vi deziras partopreni ĉi projekton, bv. kontakti nin, donante informojn ĉefe pri

- la tempodauro de via restado, de kiam ĝis kiam, kiom da noktoj

- via preferata loĝeblo, en hotelo-pensiono aŭ ĉe privata persono en nia kvartalo
- via maniero atingi Kassel kaj eblaj informdeziroj pri tio
- eventualaj apartaĵoj ĉe vi, kiujn ni priatentu

Evidente nia projekto okaze de la 1100-jariĝo de Kassel koncerne prezentadon de la ĝemelaj urboj de Kassel pere de iliaj esperantistoj ne trovas sukcesopromesan eĥon, almenaŭ ne ĝis nun. Eble pro la vintra sezono, eble pro la financoj, eble pro...

Por tamen sendepende partopreni en la grava festo mi ĉi-mesaĝe volas proponi alternativon al niaj esperanto-geamikoj. Temas pri jena informprojekto, kiu ankaŭ bone konformas al la projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA:

PONTO KASSEL, Interbulteno de la Esperantistoj de Kassel kaj de ties Ĝemelaj Urboj, aperu du fojojn jare (en aprilo kaj oktobro) kaj enhavu informojn pri Kassel kaj ĉiuj ĝemelaj urboj kaj pri ajnaj aktivecoj en ili aŭ ties ĉirkaŭo, aparte pri ti-kiuj koncernas aŭ povus koncerni esperantistojn.

La unuan numeron ni volas prezenti je la esperanta vespero (2013.03.02, ekde 19:00horo) dum la sinprezentado de nia kvartalo Harleshausen, en kiu troviĝas ankaŭ la "Kulturinitiative Harleshausen", al kiu apartenas ankaŭ la Esperanto-Rondo de Kassel ("eroka").

Ĉi-cele mi kore petas vin kontribui al la interbulteno per eta teksto en Esperanto pri la esencaĵoj de via urbo, ties rilatoj al Kassel kaj pri la signifo de Esperanto kadre de la ĝemeliĝo al Kassel kaj aliaj urboj, koncerne de la aktualaj statoj kaj alfuturaj perspektivoj. Bv. ne nur donu salutvortojn, sed mencii ankaŭ aktualajn problemojn kaj projektojn, kaj, se tiuj ne ekzistas, do pro kio ne...

Bonsalute al ĉiuj

Nome de la Kulturiniciativo Harleshausen (kih) kaj la Esperanto-Centro Harleshausen (ech).

Wolfgang Guenther
Wilhelmshöher Weg 11 34128 Kassel Germanio
T. (0)561 - 921 982 02
Retpoŝto: w.guenther.esperanto@web.de

**(La aldona foto estas elŝutita de la redaktoro el Vikipedio)**

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Ĝemeliĝis esperantistoj inter Dong Da kaj Choisy-le-Roi

Dong Da distrikto de la vjetnama ĉefurbo Hanojo havas oficialan ĝemelan rilaton kun la franca urbo Choisy-le-Roi (Val-de-Marne). Vendrede, 18-an de majo 2012, Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) aranĝis la ĝemeligan ceremonion inter esperantistoj de la distrikto kaj la urbo. Ĝia sukceso devas danki al la komuna klopodado de ambaŭflankaj esperantistoj, precipe s-ro Sebastian Carrez (jam forpasinta), tiam prezidanto de

Esperanto-Asocio, "La Verda Stelo 94" de Val-de-Marne. Li metis la unuan brikon por tia aktiveco frue en 2008. Ĝia sukceso ankaŭ devas danki al S-ro Nguyen Xuan Thu, komitatano de VEA kaj respondeculo pri Ĝemelaj Urboj en Vjetnamio, ekde 2008 ĝis nun, li regule konservis kaj evoluigis duflankajn rilatojn.

Ĉe la ceremonio s-ro Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA, diris, ke la ĝemeligo de ambaŭ lokaj Esperantistoj estas signifoplena en diplomatio kaj en la aktivecoj de la Asocio; li plue substrekis, ke ĉi afero estas ne nur aktiveco de du lokaj individuaj esperantistoj, sed ankaŭ de hanojaj esperantistoj ĝenerale; Oni devas daŭrigi, plifortigi tiun ĉi rilaton. Esperantistoj devus esti en regula kontakto, la interreto tre oportunas por ĉi tiu tipo de aktiveco.

La ceremonio pliigis la ligilon de solidareco ne nur inter ambaŭ lokaj esperantistoj, sed ankaŭ aldonas novan dimension al Esperanto kiel pontolingvo.

El n-ro76 Esperanto en Azio

## Vizito en la Esperanto-urbo kaj la ĝemelurbo Lodz

En majo de 2012, laŭ la invito de la urbestro de Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo, Germanio, la Germana Esperanta Fervojista Asocio kaj la Pola Esperanto-Asocio, s-ro Han Zhuwu, prezidanto de Tianjin Esperanto-Asocio, reprezentis la Ĉinan Fervojistan Esperanto-Asocion partopreni en la 64-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso, kaj per Esperanto plenumis vojaĝon en Eŭropo tra vizito al Herzberg, Hanovro, Gottingen, Munkeno kaj Berlino en Germanio, La Chaux-de-Fonds, Lucerno kaj Berno en Svislando kaj Lodz, Varsovio kaj Krakovo en Pollando. Reveninte al Ĉinio li verkis longan artikolon "Mia vojaĝo en Eŭropo per Esperanto". La redaktoro elektis kaj publikigas parton el ĝi.

### Intervidiĝo kun la urbestro de Herzberg am Harz

La urbo Herzberg am Harz kun la areo de 71,88 kvadrataj kilometroj sidas ĉe la suda piedo de la Harco, montaro en la Malsupra Saksio de Germanio. En la urbo vivas 140,16 mil loĝantoj laŭ la statistiko farita en la 31-a de decembro 2009. Je 32 kilometroj sudokcidente de la urbo Herzberg am Harz troviĝas la urbo Göttingen kaj je 90 kilometroj nordokcidente de ĝi -- la urbo Hanovro. Sur la monto en la centro de la urbo alte staras la antikva kastelo konstruita en la komenco de la 12-a jarcento kaj nun servanta kiel muzeo.

En la 11-a de julio 2006 la kvar partioj en la parlamento de la urbo Herzberg am Harz unuanime decidis per voĉdonado: nomi la urbon Herzberg am Harz "Esperanto-Urbo". Ekde tiam la urbo Herzberg am Harz fariĝis la unua Esperanto-Urbo en la mondo. Post tio, s-ro urbestro Walter Gerhard ricevis kelkajn centojn da gratulaj leteroj el diversaj lokoj de la mondo.

La E-movado en la urbo Herzberg am Harz komenciĝis en la 60-aj jaroj de la 20-a jarcento per la ekinstruado de la neŭtrala pontlingvo far de s-ro Joachim Giessner, kiu servis dum 46 jaroj kiel prezidanto de la Germana Esperanta Fervojista Asocio kaj dum 22 jaroj kiel prezidanto de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj. Li Esperantigis ĉ. 400 kantojn.

Internacie, la Interkultura Centro Herzberg funkcias kiel eduka kaj kultura filio de la

Germana Esperanta Fervojista Asocio kaj kiel eduka centro de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj. Tie ofte okazas tutjare Esperantaj kursoj, seminarioj, fakaj kursoj kaj aliaj Esperantaj agadoj. Pro tio, Herzberg estas la trejna centro de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj. La centro sukcesis ankaŭ en la praktiko de Esperanto. Kaj estas ĝemelaj urboj Herzberg am Harz kaj Góra de Pollando. En aprilo de 2005 la du urbestroj atingis la komunan konon pri "kiel uzi Esperanton kiel neŭtralan pontlingvon". La Esperanta kurso estas deviga en la lernejoj de la du urboj. En aŭgusto de 2006 okazis en Herzberg am Harz la unua renkontiĝo de lernantoj de la du urboj. Post tio ĉiusomere okazis simila renkontiĝo internacia laŭplane.

La urbo Herzberg am Harz estas bona ekzemplo en Esperantujo. Tie staras vojindikiloj en la lingvoj germana kaj Esperanta, esperantistoj uzas Esperantan manĝkarton kaj ĝuas favoran traktadon en multaj flankoj.



Posttagmeze de la 21-a de majo, S-ro urbestro Walter Gerhard kaj alia vicurbestro nin akceptis. S-ro Walter Gerhard bonvenigis nin, la ĉinan delegacion el la fora Oriento al Herzberg am Harz -- la Esperanto-urbo por partopreni en la 64-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso. Li diris al ni: "Mi esperas, ke vi pasigos agrablan semajnon, kaj ke vi montros al ni opiniojn kaj kritikojn pri organizo de la kongreso kaj tiujn pri konstruo de la urbo. Kaj mi esperas plej, ke vi prezentos al ni pli da ĉinoj, kiuj volus veni al nia urbo por entrepreno kaj vivo." Li informis al ni, ke la marmoro de la busto de Zamenhof kaj la brikoj pavimitaj sur la strato en la urbocentro estis importitaj el Ĉinio. Mi diris al la urbestro: "Mi ege dankas vin pro via persona subskribo sur la invitilo, dank' al tio ni povas veni al Germanio kaj partopreni en la kongreso, kaj ni dankas vin kaj ankaŭ aliajn gvidantojn pro viaj subteno kaj zorgo pri E-movado en la urbo Herzberg am Harz. La nomo de la urbo estas bona atesto. La Esperanta placo, monumento kaj strato de s-ro Joachim Giessner, busto de Zamenhof, vojmontrilo en la lingvoj germana kaj Esperanta k. a. montras ke la urbestro estas antaŭvida kaj sagaca, kaj ke la urba registaro -- klerigita kaj malferma. Mi raportos nian viziton al la koncernaj departementoj de la Tianjin-a Registaro. Mi deziras kontribui por kunlaboro kaj disvolvo de la du landoj." Ni donacis al la urbestro foto-albumon pri Tianjin, Esperantajn gvidlibron por Tianjin, poŝtkartojn pri pejzaĝoj de Tianjin kaj pri L. L. Zamenhof, kreinto de la lingvo Esperanto. S-ro urbestro Walter Gerhard reciprokis al ni foto-albumon pri Herzberg am Harz, memorigan insignon pri urba emblemo k. a. Ni invitis s-ron urbestron Walter Gerhard al Tianjin en la nomo de la Tianjin-a E-Asocio. (Sur la tema foto: de maldekstre respondeculo el la Tianjin-a Federacio de Sociscienca Rondoj, s-ro urbestro Walter Gerhard, la vicurbestro kaj la aŭtoro en la oficejo de la urbestro）

Vizito al la urbo Lodz de Pollando



Lodz, la dua granda urbo de Pollando, ĝemeliĝis kun la urbo Tianjin en la 11-a de oktobro de la jaro 1994. En la jaro 1998 la Tianjin-a E-Asocio sendis sian delegacion al la urbo Lodz kaj laŭinvite partoprenis en la 29-a Tutpollanda Kongreso de Esperanto kaj en la celebrado por la 90-jariĝo de la Lodz-a E-movado. En la jaro 2002 d-ro Tadeusz Ejsmond, samideano el la urbo Lodz, vizitis Tianjin. En la jaro 2008 mi, reprezentante la Tianjin-an E-Asocion, refoje vizitis la urbon Lodz, post partopreno en la 60-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso, kaj pluapaŝe intimigis la amikecan rilaton inter la dulandaj E-organizoj.

Dekkelkaj membroj el la Lodz-a E-Asocio kaj ni intervidiĝis kaj varme brakumis kiel familianoj. Al ili mi rakontis miajn travivaĵojn dum la vojaĝo en Eŭropo kaj poste al ili mi prezentis la situacion de la Tianjin-a E-Asocio kaj konigis informojn pri la 45-a Konferenco de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj okazonta en Kunming de Ĉinio julie de la kuranta jaro kaj tiel plu. Fine, mi sincere invitis lodz-ajn esperantistojn viziti Tianjin kaj Ĉinion. Raportistoj el la Lodz-a Televida Stacio faris intervjuon kun s-ro Robert Kaminski kaj mi pri la rilatoj inter la E-organizoj de la du ĝemelaj urboj, iliaj amikecaj interkomunikadoj kaj disvolviĝo kaj ankaŭ pri aliaj aferoj. Esperantistoj de la du ĝemelaj urboj atingis la komunan konon, t.e. pluapaŝe intimigi la rilatojn inter la du urbaj E-organizoj, pluapaŝe oftigi plurkampajn interŝanĝojn kaj reciprokajn agadojn de la du urbaj E-asocioj, kaj pluapaŝe esplori pri la vojo servi per Esperanto al la ekonomiaj konstruo kaj evoluo de la du urboj.

**Du universitatoj ĝemeliĝis per Esperanto**



En la 7-a de junio la Zaozhuang-a Universitato de Ĉinio ricevis la komfirmilon de la Korea Universitato de Fremdaj Studoj por subskribi la interkonsenton por ĝemeliĝo pere de esperantistoj, kiuj laboras en la du universitatoj.

En la jaro 2005 s-ro Lee Young-koo, tiama prezidanto de la Korea Esperanto-Asocio kaj profesoro de la Korea Universitato de Fremdaj Studoj, faris viziton al la Zaozhuang-a Universitato laŭ la invito de s-ro Sun Mingxiao, vicprezidanto de la Zaozhuang-a Esperanto-Asocio. Dum la vizito ili diskutis pri kunlaboro de la du

universitatoj. Post tio s-ro Sun Mingxiao dufoje vizitis la Korean Universitaton de Fremdaj Studoj. La du flankoj estas kontentaj por la reciprokaj vizitoj, ĉi-jare ili donis oficialajn proponojn por ĝemeliĝo de la du universitatoj. En marto de la kuranta jaro, fraŭlino Woo estis sendita de la Korea Universitato de Fremdaj Studoj al la Zaozhuang-a Universitato por lerni la ĉinan lingvon kaj Esperanton, kaj samtempe instrui la korean lingvon en la universitato. Al sia universitato fraŭlino Woo multfoje faris raporton pri situacio de la Zaozhuang-a Universitato, kaj pri siaj kontento kaj plezuro en la universitato.

En la estonteco, la du universitatoj kunlaboros per interŝanĝo de instruistoj kaj studentoj, kaj per reciprokado de edukaj informoj kun la komuna celo: disvastigi Esperanton inter siaj instruistoj kaj studentoj. Sur la foto: de maldesktre s-ro Sun Mingxiao kaj s-ro Lee Young-koo.

Sun Mingxiao

**Amikiĝo de ĝemelurbanoj el Kievo kaj Kioto**



De la 11a ĝis la 25a de aŭgusto 2012 junaj geedzoj Ĵenja Amis kaj Joel Amis loĝantaj en Kanado gastis ĉe mi en Kioto en Japanio. Ĵenja estas el Kievo, Ukrainio, kaj Joel el Atlanto, Usono. Kievo kaj Kioto estas ĝemelaj urboj. En la 24a de aŭgusto mi kaj mia edzo Tahira Minoru invitis la paron al restoracio “Kievo" en Kioto. Ĵenja ne nur tre ĝojis gustumi ukrainan kaj rusan kuiraĵojn, sed ankaŭ interparoli kun la mastro (Katou Mikio) kaj kelnero de la restoracio en ukraina lingvo. Ŝi unuafoje parolis ukraine en la vojaĝo tra Japanio, ĉar ĉiam esperantistoj “krokodilas Esperante”. La patro de la mastro, Katou Kouŝirou, fondis la restoracion antaŭ 40 jaroj, kiam Kioto kaj Kievo ĝemeliĝis. La nomon de la restoracio “Kievo” rekomendis al li la urbo Kioto, ĉar li kunlaboris por la ĝemeliĝo. En la restoracio abundas kievaĵoj kaj ukrainaĵoj: multaj pupoj, pentraĵoj, 40-jara memortapiŝo kun la emblemoj de Kievo kaj Kioto. Foje okazas koncerto de ukrainaj kaj rusaj muzikoj kaj dancoj.

Por la kelnero paroli ukraine rekte kun Kievano estis la unuafoja sperto post ellernado de la ukraina lingvo. Li emocie ĝojis. La mastro sciis, ke mi estas esperantisto, ĉar kelkfoje mi vizitis la restoracion kun esperantistoj. Li demandis, kie naskiĝis Zamenhof. Mi klarigis ĉion kaj aldonis, ke Esperanto havas 125-jaran jubileon. Aliaj gastoj en la restoracio envie rigardis nin du parojn libere parolantajn Esperante kaj Ĵenjan gaje parolantan kun la mastro kaj kelnero ukraine.

La lasta vespero en Kioto por Ĵenja kaj Joel estis neforgeseble feliĉa. En Kievo troviĝas Kioto-strato kaj Kioto-parko, antaŭ kiu Jenja naskiĝis. Ŝi diris, ke ŝi venis kvazaŭ al sia naskiĝloko! Sed en Kioto mankas Kievo-strato kaj Kievo-parko. Antaŭ la urbdomo staras nur monumento donacita de Kievo. Ni bedaŭras la mankon de tempo viziti la urbdomon kvarope

por apelacii almenaŭ nomi iun straton “Kievo-strato”, eĉ se ne iun parkon “Kievo-parko”.

Tahira Masako (Kioto, Japanio)

## SERVA PLATFORMO

**Kubo petas ĝemeliĝon kaj kunlaboron**

Kara amiko,

Filio Havano de Kuba Esperanto-Asocio interesiĝas pri pli fortaj kaj rektaj rilatoj kun via grupo. Ni pretas analizi proponon pri ĝemeliĝo inter niaj urboj, kaj se tio ne eblas, tamen almenaŭ subskribi kulturan oficialan protokolon por la interrilatiĝo.

Vi scias, ke nia asocio ne estas tro pagipova, kaj ke ni havas malfacilaĵojn por vojaĝi kaj partopreni internaciajn eventojn. Pro tio ni serĉas aliajn manierojn por utiligi Esperanton internacie.

Ni trovis la jenajn eblajn interŝanĝojn, kiun ni povas oferti. Tamen, vi povas pliriĉigi tiun liston per novaj proponoj laŭ viaj ekspertoj kaj interesoj. Jen niaj proponoj:

1. Senpaga loĝado de viaj membroj en Esperanta domo en Kubo.
2. Traduko kaj reviziado de materialoj.
3. Interŝanĝo de revuoj, bultenoj, muziko kaj libroj.
4. Foto-ekspozicioj.
5. Kunaj komparaj esploroj pri diversaj temoj: geografiaj, naturaj, kutimoj, modoj, manĝaĵoj kaj trinkaĵoj, vivmaniero.
6. Interŝanĝo de ekspertoj pri lernado de la lingvo.
7. Ekspertoj pri asocia vivo.
8. Korespondado inter lernantoj aŭ lernantaj grupoj, organizitaj laŭ lingva nivelo.
9. Ĝenerala persona korespondado laŭ interesoj.
10. Interŝanĝo de artaĵoj, manfaritaĵoj aŭ aliaj varoj taŭgaj por la disvastigo de E-o en ambaŭ urboj.

Fráncel Briel (fbriel@infomed.sld.cu)
respondeculo de KEA pri eksteraj rilatoj

## Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ino Maritza GUTIÉRREZ GONZÁLEZ, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de